Jaro V * N.° 54ª Junio * 1908

# LA SUNO HISPANA

Direktoro-Administranto ★ Director-Administrador

RAFAEL DUYOS

CIRILO AMORÓS, 28 = VALENCIA

La Redakcio korektos la manuskriptojn laŭbezone, kaj la nepresitajn ĝi ne resendos

ENHAVO: Lia Generala Moŝto Ludoviko Moncada.—La delegacia afero.—Esperanto-Asociación Universal. —Sección Gramatical.—Programo de la Kvara Kongreso.—Programo de la postkongresaj aranĝoj en Berlin.—Festa Kanto.—Noticias del extranjero.—Sciigoj.—Bibliografio.—Anoncoj.

## Lia Generala Moŝto Ludoviko Moncada

La nekompatema morto forrabis respektindan kaj entuziasman samideanon, kies unuajn paŝojn en la esperantismo ni montris en tiu ĉi sama gazeto antaŭ tri jaroj. Du jarojn li prezidis kun ĉiesa simpatia kaj aplaŭdo la Valencian Grupon ĝis kiam oficialaj devoj igis lin forlasi la *urbon de la floroj*. Poste la Kartaĥenaj esperantistoj ankaŭ trovis en li afablan kaj fervoran samideanon.

Serĉante vane resanigon al nekuracebla malsano, S.ro Ludoviko Moncada revenis Valencion, sed la homa scio ne sukcesis savi lian vivon kaj li mortis la 6.an de Junio.

Denove kaj publike ni esprimas nian kondolencon al lia respektinda familio kaj la certigon, ke la Grupo Valencia kaj tiu ĉi redakcio tutkore ploras la perdon de tiel eminenta viro, de tiel fervora esperantisto, de tiel afabla kaj simpatia samideano.

## La delegacia afero

### Nia opinio

La defendantoj de la lingvo de Ido kaj de la Delegacia decido diris, eĉ ripetis, ke la esperantistaj gazetoj, kiuj ne vaste pritraktis tiun aferon aŭ tute silentis pri ili, agis kiel la struto antaŭ minacanta danĝero. La komparo estus malĝusta se eĉ ni estus strutoj, ĉar antaŭ ni staras nenia danĝero. Cetere, ĉar hodiaŭ diversaj kaŭzoj devigas nin paroli pri tio, klare kaj vaste ni diros nian opinion.

La Suno Hispana naskiĝis por propagandi la zamenhofan lingvon en la hispaneparolantaj landoj. Esperanto, do, naskis nian modestan gazeton, kiu neniam celis *elekti, krei, nek kritiki* lingvon internacian, kaj neniu povas trudi al ĝi la pritraktotajn te-

mojn. Dum ĝia vivo, publikiĝis kelkaj lingvoj nomantaj sin internaciaj, kiuj nek ĝojigis nek tremigis nin; ni simple silentis aŭ nur publikigis kelklinian noteton. Pli ankoraŭ; antaŭ unu jaro, apud nia redakcio, en la Grupo Valencia, okazis ridiga skismo. la esperantisto fariĝis varma defendanto de Panroman. S.ro Molenaar povis pensi pri granda aro da panromanistoj, kaj la elmontra fenestro de valencia librovendejo pleniĝis de panromanaj gramatikoj. Ni donis al tia afero nenian gravecon, kaj laŭ la araba proverbo *ni sidiĝis ĉe la pordo de nia budo por vidi la kadavron de nia malamiko pasantan.* Kaj tiel estis; la skismo ne sukcesis kaj sen nenia peno ni daŭrigis la esperantan propagandon. La unika ribelinto revenis en la esperantistaron.

Tiel ni agis ĝis nun pri la novaj projektoj de Ido, Antido, Delegacio kaj ceteraj. Kial ni estas devigataj paroli pri ili, se ni nur estas fervoraj partianoj de Esperanto, de la vera Esperanto, de tiu, kiu D.ro Zamenhof klarigas en sia Fundamento?

* * *

Ni ne estas filologiistoj; tia deklaro estas tre valora nuntempe, kiam ĉiu partiano de internacia lingvo kredas sin kapabla elpensi gramatikon kaj vortaron *neplibonigeblajn.* Ĉu estas io neplibonigebla en la mondo? Certe estus kuraĝe respondi jese al tiu demando, sed se la respondanto estas la aŭtoro de tio, la respondo ankoraŭ estus pli malmodesta, ol kuraĝa.

Ni ne estas filologiistoj kaj, ankoraŭ pli, ni ne volas esti tiaj. Ni nur estas fervoraj defendantoj de la ideo de lingvo internacia. La favoraj ecoj de Esperanto allogis nin; tiuj favoraj ecoj triumfis en ĉiuj provoj kaj post ĝia dudekjara vivo ni povas certigi, ke Esperanto taŭgas por ĉio. Kion oni plu deziras? Sed ni ne defendas pro tio Esperanton; ni defendas ĝin, ĉar ĝi estas tre disvastigata en la tuta mondo, ĉar ĝi atingis grandan nombron da partianoj. Kaj en tio ni vidas la plej bonan econ de lingvo internaciigota. Ni volonte lernus la plej malfacilan lingvon mortintan, vivantan aŭ artefaritan, kondiĉe ke oni certigu al ni, ke ĝi estos de nun internacia por ĉiuj aferoj. Kaj oni volas ke pro iaj personaj preferoj ni forlasu Esperanton? Tute ne. Preferoj! ŝatoj! kiu povas regi ilin?

* * *

La Delegacia Komitato sonĝis; ĝi sonĝis, ke ĉiuj esperantistoj, ke ĉiuj gazetoj esperantistaj fervore akceptos ĝian lingvo-miksaĵon; sed kiel diris hispana dramaŭtoro *la sonĝoj estas sonĝoj.* Sendube estus tre agrable elpensi lingvon kaj tuj de ĝia naskiĝo kalkuli milojn da partianoj kaj dekojn da gazetoj; sed ĉu oni atingas la gloron tiel facile? Ne, kaj tiun respondon povas legi la Delegacia Komitato en gazetoj kaj leteroj esperantistaj. Cetere la Delegacia Komitato reprezentis centojn da diversnaciaj societoj kaj akademioj; ni esperis ke ĝia decido, pli bone *ĝia elpenso,* estos tuj akceptita de tiuj societoj kaj akademioj, kiuj nun jam devus uzi la proponitan solvon; ĝis nun tio ne okazis; nenia societo aŭ akademio decidis interrilatiĝi kun la aliaj per tia elpensaĵo, kaj ni vidas ke la Delegacia Komitato forgesas akceptigi sian decidon al siaj elektintoj kaj sin dediĉas al tute alia afero; tio estas, semi malpacon en la esperantistaro. Dio mia! kian malbonaĵon ni faris al tiuj respektindaj komitatanoj, por ke ili sin venĝu tiamaniere!

* * *

En Hispanujo ĉiuj partianoj de lingvo internacia, almenaŭ ĉiuj konantaj la ekziston de Esperanto, estas esperantistoj. For de ni estas nur skeptikuloj kaj malamikoj, kaj kion ili dirus, se ni—supoze—akceptus ŝanĝojn en nia lingvo? Ni perdus ilin por ĉiam ĉar ni metus en iliajn manojn fortan kontraŭan argumenton. «Kiel bone ni agis ne ellernante Esperanton; nun nia laboro estus tute perdita. Kiu certigas al ni—ili daŭrigus—ke al [illegible] nova lingvo ne okazos la samo, kiel al primitiva Esperanto? Hieraŭ Delegacio de kelkaj societoj kaj akademioj sciencaj trudis diversajn ŝanĝojn laŭ personaj preferoj de la komitatanoj. Eble morgaŭ Delegacio de Komercaj ĉambroj

trudos aliajn (pli—malpli logikajn laŭ plaĉo de novaj komitatanoj). Kiam ni diris ke ni lernos Esperanton kiam ĉiuj ĝin scios, vi mokis nin, sed nun vi pravigas nian diron, ĉar kiam ĉiuj scios Esperanton tiam ni estos certaj ke ĝi ne ŝanĝiĝos.» Kion ni respondus al tio?

* * *

S.ro de Beaufront vizitis du hispanajn urbojn, al kiuj li estis invitita antaŭ ol li sin montris publike reformemulo. En *San Sebastián* kaj *Tolosa* li estis kore akceptita de niaj tieaj fervoraj samideanoj, li parolis, li toastis, sed li konvinkiĝis ke la vorto *reformo* estas malpermesata en la Hispanaj Grupoj. Eble ekzistas kelkaj ribeluloj, sed tiuj kelkaj antaŭmetas siajn personajn preferojn al la ideo de lingvo internacia; estas do plibone por ni ke ili foriru el nia rondo, kaj ni benas la okazon, kiu liberigas nin de tiaj personoj.

Ni iros trankvile nian vojon! Ni kredas ke nia unueco, ke nia multnombreco pli bone taŭgas por atingi la triumfon ol la finiĝo *ar* proponata de la Delegacio.

Antaŭen, do! La proksima Kongreso Esperantista en Germanujo montros klare la nevenkeblan forton de la esperantistaro. Tiam komprenos la reformemuloj ke ili estis por ni nenia danĝero.

RAFAEL DUYOS.

* * *

*Lasta horo:* Kiam oni kompostas tiun ĉi numeron ni ricevas la majan numeron de *L' Espérantiste.* En ĝi S.ro de Beaufront forlasas la pseŭdonimon kaj deklaras, ke Ido estas li mem. Ni bedaŭras el nia tuta koro, ke persono, kiu elvekis ĉe la hispanoj tiel vivajn simpatiojn, ĵus finis tiel malbone sian esperantistan vivadon.

Ni rimarkigas al niaj legantoj, ke D.ro Zamenhof elektis S.ron de Beaufront por reprezenti Esperanton en la kunsidoj de la Delegacia Komitato, en kiuj estis pritraktota la Ida—tio estas, la Beaufronta—lingvo, kaj li akceptis, dirante nenion pri tio al la Aŭtoro. Neniam povos kredigi S.ro de Beaufront, ke tia konduto estis nobla kaj sincera. Nur en la okazo, ke li kredus sin la sola esperantisto kapabla reprezenti Esperanton, lia konduto estus iom pravigebla; sed ni ne kredas lin tiel malmodesta.

Nun ni esperas, ke S.ro de Beaufront, foririnte el la esperantistaro, lasos en plena paco siajn antaŭajn kunlaborantojn. En la mondo estas multaj neesperantistoj inter kiuj li povos propagandi sian lingvon.

Cetere, ni rimarkas ke en la maja numero de *L' Espérantiste*, sendube pro nevola forgeso, oni ne publikigis la eksiĝon de S.ro de Beaufront el la prezidanteco de la *Societo Franca por* PROPAGANDI ESPERANTON.

R. D.

---



---

# Esperanto-Asociación Universal

La introducción de la lengua internacional Esperanto en la vida práctica, acaba de avanzar un gran paso, mediante la fundación de la Asociación Esperantista Universal.

El objeto de esta vasta organización, que apenas fundada ya cuenta con miles de adeptos en dieciocho naciones distintas, es facilitar más y más toda clase de relaciones entre gentes de diferentes idiomas por medio del Esperanto. Para ello, organizará diversos servicios internacionales que podrán usar inmediatamente las personas que

viajan, corresponden, comercian ó se relacionan con extranjeros por cualquier clase de asuntos.

A la «Universala Esperanto-Asocio» la representan en cada sitio varios delegados, los cuales tendrán la misión de dar toda clase de informes, y buenamente, prestar ayuda á quienes pertenezcan á la Asociación cuando visiten su ciudad. Los delegados deberán procurar la adhesión de: una auxiliar que se ocupe especialmente de las señoras y señoritas que viajen solas por el país cuya lengua no conocen; un comerciante que pueda facilitar noticias referentes al comercio y la industria de la comarca; un joven, con preferencia estudiante, si en la ciudad hay universidad; un marino si es puerto de mar; los cuales, cada uno en lo relacionado con su sección, estén á la disposición de los miembros de la Sociedad, para cuantas informaciones necesiten, esforzándose en todas ocasiones para prestarles agradable ayuda.

Aparte de lo dicho, la U. E. A. organizará viajes y excursiones esperantistas, colonias para vacaciones, facilitará el cambio de niños para la permanencia en otros países, establecerá un servicio internacional de alistamiento ó contratación de servicios, en una palabra, se preocupará de todas las aplicaciones prácticas que el actual esparcimiento del Esperanto puede procurar.

En cada uno de los quinientos lugares donde existen ya organizaciones esperantistas se cuida del establecimiento de los diversos servicios mencionados.

La Dirección de la Asociación la forman los Sres. H. Bolingbroke Mudie, de Londres, presidente; Hector Hodler, de Ginebra, vicepresidente; A. Carles, Th. Rousseau, R. Mesny, S. Meyer, en Francia; J. Schmid, de Berne; Dr. Whitaker, de Liverpool.

* * *

Recomendamos á todos los Grupos españoles, que, á la mayor brevedad, se adhieran á la U. E. A., cuya dirección es: *Esperanto*, 8, rue Bovy-Lysberg, *Genève* (Suiza) y que, con arreglo á las circulares y estatutos que recibirán inmediatamente, nombren los correspondientes delegados y funden los *Esperantaj Oficoj*, cuyas direcciones publicará La Suno Hispana.

# SECCIÓN GRAMATICAL

**J. M. D.**—Las voces simples terminadas en *iu* sirven para individualizar, empleándose indistintamente para personas y cosas: *¿quién viene?=kiu venas?; ¿qué libro desea V.?* (individualizando, es decir, en el sentido de *¿desea V. éste ó aquél?*)=*kiun libron vi deziras?*. Para no extenderme inútilmente desearía me dijera V. qué dudas se le ofrecen en el empleo del *kiu*, si en algunos casos le es á V. difícil diferenciarlo del *kio* ó *kia*, y, lo que es más práctico, me mandara algunos ejemplos para hacer sobre ellos la aclaración correspondiente.

**G. M.**—La consulta que V. me hace sólo tiene una provisional contestación, hasta que la Lingva Komitato decida. Para la traducción de nombres propios le recomiendo la obrita del distinguido esperantista D. Augusto Jiménez Loira, titulada *Provo de esperanta nomigado de personaj nomoj*, en la que están incluídos todos los de nuestro santoral. En cuanto á la traducción de los nombres de ciudades, ríos, montes, etc., también dicho señor ha dado una solución aceptabilísima en un artículo publicado en el número del pasado Noviembre de esta revista. Lo más sencillo y práctico, hasta una decisión internacional, es escribir el nombre sin variación ninguna é indicar su pronunciación nacional por la figurada entre paréntesis; así, por ejemplo: *rivero Tajo* (*Taĥo*); *mi loĝas en Alcoy* (*Alkoj*).

Asuntos urgentes de índole privada nos han obligado á ausentarnos repetidas veces de Valencia durante el presente mes; la publicación de éste número sufre con ello lamentable retraso. Algunas consultas quedan sin contestar por no tener á la vista parte de la correspondencia recibida. Sin embargo, recordamos que un suscriptor nos preguntaba como afirmándose, que las voces simples terminadas en *ies* son invariables, puede formarse el adjetivo *ĉiesa;* la invariabilidad sólo indica que esas voces no admiten las desinencias del plural y del acusativo. Así, de *kiu,* que es variable, se forman *kiun, kiuj, kiujn,* variaciones que no admiten los terminados en *ies.* Recuérdese que también los numerales cardinales son invariables, y sin embargo se derivan de ellos las voces *dua, duobla, duono,* etc.

HISPANO.

# Programo de la Kvara Kongreso

## DRESDENO 15an ĜIS 23an DE AŬGUSTO 1908

### Sabato, 15a de Aŭgusto.

*Matene.*—9 h.: Malfermo de la akceptejo, malfermo de la ekspozicio; ambaŭ en «Technische Hochschule» (Supera teĥnika lernejo).

Preparaj kunvenoj de la Organiza Komitato kaj de la Lingva Komitato laŭ sciigoj de la komitatoj mem.

*Vespere.*—8 h.: Amika kunveno en la Dresden'a Grupo.—Muzikaĵoj kaj teatraĵoj.

### Dimanĉo, 16a de Aŭgusto.

*Matene.*—Diservoj.

10 h.: Luther'a Diservo en la «Kreuzkirche». (Allmacht de Schubert, Largho de Händel).

11½ h.: Katolika Diservo en «Katholische Hofkirche» (Solena Meso).

*Posttagmeze.*—1 h.: Tagmanĝo.

3 h.: Kunveno laŭ nacioj por elekti delegitojn k. t. p. (Technische Hochschule).

4 h.: Amika kunveno en la «Granda Reĝa Ĝardeno».

*Vespere.*—8 h.: Internaciaj propagandaj paroladoj en Germana lingvo kaj en Esperanto. Specialaj esperantistaj aranĝoj en apudaj ĉambroj. (Lumbildoj k. t. p. Gewerbehaus, Ostra-Allee.)

### Lundo, 17a de Aŭgusto.

*Matene.*—Alveno de D.ro Zamenhof, la eltrovinto de la Lingvo Internacia Esperanto.

10½ h. (*precize*): Oficiala malfermo de l' kongreso, salutoj dirataj de la ŝtataj kaj urbaj reprezentantoj. Parolado de D.ro Zamenhof, sekvota de internaciaj salutoj de la delegitoj. (Vereinshaus, Zinzdndorfstrasse).

*Posttagmeze.*—1 h.: Tagmanĝo.

Poste fakaj kunsidoj (Technische Hochschule) kaj vizito de l' arta ekspozicio.

*Vespere.*—8 h.: Ĝardena festo en la arta ekspozicio.

### Mardo, 18a de Aŭgusto.

*Matene.*—9 h.—11 h.: Unua agada kunsido en la «Aŭlo» de la «Technische Hochschule». Por nepartoprenontoj vizito de l' vidindaĵoj de l' urbo k. t. p.

*Posttagmeze.*—12 h.—1 h.: Tagmanĝo.

1 h. 20 m.: Ekskurso al Meissen per vaporŝipo. Vizito de l' Kastelo de Albrecht kaj de la mondfama reĝa fabrikejo de porcelano.

*Vespere.*—Amika kunveno en la Geibelburg en Meissen. Ludado de «Internacia Komedio».

Reveno Dresdenon per specialaj vagonaroj.

**Merkredo, 19ª de Aŭgusto.**

*Matene.*—9 h.—11 h.: Dua agada kunsido, poste fakaj kunvenoj.

*Posttagmeze.*—1 h.: Tagmanĝo.

Poste kunsidoj de fakaj sekcioj.

*Vespere.*—Laŭ aranĝo de speciala komitato (vidu la programon aldonitan al la lastaj numeroj de G. E.).

8 h.: «Ifigenio en Taŭrido» de Goethe, tradukita en Esperanton de D.ro Zamenhof, sub direktado de S.ro Emanuelo Reicher, aktoro de la «Lessing-Theater» en Berlin. (Centraltheater, Waisenhausstrasse).

Por nepartoprenontoj samtempe diversaj lokaj aranĝoj.

**Ĵaŭdo, 20ª de Aŭgusto.**

Libera Tago.

Komuna Ekskurso per vaporŝipo en la Saksan Svisujon.

Fotografado de l' kongresanoj.

«Marktfest» (Historia foirfesto) en la urbo Wehlen.

Lumigado de l' montetoj dum la reveno.

**Vendredo, 21ª de Aŭgusto.**

*Matene.*—9 h.—11 h : Tria agada kunsido. Poste fakaj kunvenoj.

*Posttagmeze.*—1 h.: Tagmanĝo.

Fakaj kunvenoj kaj diversaj aranĝoj en la urbo.

*Vespere.*—8 h.: Koncerto kun afabla helpo de famaj membroj de la Dresdena Opero.

Poste: Balo kun naciaj kostumoj.

**Sabato, 22ª de Aŭgusto.**

*Matene.*—9 h.—11 h.: Lasta ĝenerala kunveno kaj oficiala fermo de l' kongreso.

*Posttagmeze.*—1 h : Tagmanĝo.

$2^1/_2$ h.—4 h.: Festo de la «Revuo».

*Vespere.*—Diversaj aranĝoj laŭ speciala sciigo sur la nigra tabulo en la «Technische Hochschule».

**Dimanĉo, 23ª de Aŭgusto.**

Vizito de la «Weisser Hirsch» apud Dresden kaj granda festo en la «Esperantista Vilaĝo».

---

# Programo de la postkongresaj aranĝoj en Berlin

**Lundo, la 24ª de Aŭgusto.**

10 h.: Renkonto en «Café Fürstenhof» (Potsdamer Platz), 1ª etaĝo. Vizito de la granda magazeno «Wertheim».

$11^1/_2$ h.: «Postmuseum».

1 h.: Tagmanĝo en «Rheingold», Potsdamer Strasse 3.

3 h.: Granda tramveturado tra la urbo.

6 h.: Vespermanĝo en «Ratskeller» (Rathaus, Königstrasse 15/18).

8 h.: Festkunveno en «Bürgersaal» (Rathaus).

**Mardo, la 25ª de Aŭgusto.**

9 h.: precize: Foriro de «Café Fürstenhof». Fervojveturado al «Wannsee», poste per vaporŝipo al «Potsdam». Vizito de la famegaj parko kaj palaco de «Sanssouci». Reveturo al Berlin.

*Vespere.*—Kunestado en unu el la ĝardenrestoracioj «Zelte».

**Merkredo, la 26ª de Aŭgusto.**

Diversaj aranĝoj; vizito de muzeoj, ekskursoj.

---

La Berlina Esperantista Grupo kore invitas ĉiujn samideanojn, partopreni en tiu ĉi programo, kiu en plej preciza formo estos disdonata dum la Kongreso en Dresden. Por la faciligo de la preparoj oni petas, jam nun anonci sian partoprenon.

Jen la proksimumaj elspezoj por la ekskurso al Berlin:

Prezo de l' bileto Dresden—Berlin (Anhalter Stacidomo) 2ª klaso M. 10'50; 3ª klaso M. 6'60.

Por la loĝado en Berlino, en hoteloj ne luksaj sed komfortaj kaj puraj, proksime de la stacidomo Anhalter Bahnhof oni devas kalkuli por ĉambro kun unu lito M. 3'50, inkluzive matenmanĝo (kafo, teo aŭ ĉokolado kun pano kaj butero.) Se 3—4 personoj loĝas kune en unu ĉambro la prezo povas malaltiĝi ĝis 3,—aŭ eĉ 2'50 Markoj, inkluzive matenmanĝo. En pli luksaj hoteloj la prezoj estas 4, 5, 6 Markoj po persono, laŭ la ĉambro.

Por la tag-kaj vespermanĝoj en bierejoj, oni kalkulas M. 1'50 ĝis M. 2,— kun biero. Tiuj, kiuj deziras pagi pli malmulte, jam ricevos sufiĉan manĝadon por M. 1,— en unu el la multaj bierejoj de «Aschinger» aŭ aliaj similaj. La manĝado en vin-restoracioj (kie oni ne trinkas bieron) estas pli kara.

Laŭ tiuj ĉi sciigoj, oni vidas, ke unu tago en Berlino (loĝado kaj 3 manĝoj) kostos mezpreze 7 Markojn (3'50 Spesmilojn).

La veturado al Potsdam kaj reveno kostos proksimume M 1'50 po persono. La prezo de la tramveturado tra Berlino estos M. 0'50. Cetere la tram- kaj fervojaj veturadoj en Berlino estas malmultekostaj; oni povas traveturi la tutan urbon por 10 pfenigoj.

La vizitado de l' muzeoj estas ordinare senpaga. Oni pagas 25 pfenigojn por viziti la imperiestrajn palacojn.

GRUPO BERLINA.

# FESTA KANTO

Sankta Johano! Sankta Johano!
tago de lumo kaj de muziko,
tago vivplena, kiam knabinoj
saltas kaj dancas blanke vestitaj
plenaj de floraj. Sankta Johano!
Sankta Johano! Ĉio nun estas
bruo kaj kanto, ĉio—gajeco.
Festas la suno, kaj la birdetoj
inter l' arbaro kantas al amo.
La sonoriloj igas l' aeron
plena de dolĉaj sonoj humilaj
Sankta Johano! Sankta Johano!
En la festejo gaj' estas ĉie,
saltas geknaboj, kaj plenaĝuloj
dancas senĉese, ludas muzikon;
krias vendistoj; fluto sonoras
kaj orgeneto kaj la gitaro;
ĉie aŭdiĝas la gekantistoj;
ĉio miksiĝas en murmurbruo...

. . . . . . . . . . . . .

. . . . . . . . . . . . .

Suno subiras ruĝe vestita
kaj la mallumo jen etendiĝas;
iom post iom ĉiuj foriras
kaj la festejo restas silenta,
restas senhoma, restas sengaja;
sed kelkafoje, tre malproksime,
meze de l' nokto, krioj aŭdiĝas.

. . . . . . . . . . . . .

Sankta Johano! Sankta Johano!
tago de lumo! tago vivplena!

ROMERO.

# Noticias del extranjero

**Francia.**--Después de la brillante distribución de premios organizada por el grupo de París, en la Sorbonne, bajo la presidencia del profesor Apell, decano de la facultad de Ciencias, y celebrada el 31 del pasado Mayo, se fundó la Federación de los grupos de París y su región; los grupos federados son más de 25.—Las diversas secciones del Grupo de París organizan, como en el pasado año, paseos dominicales por los alrededores de la gran ciudad.—Se ha fundado un nuevo grupo en Condé (Nord).

**Inglaterra.**—En la Cámara de Comercio de Londres (que como saben nuestros lectores aceptó el Esperanto en su programa de estudios), se han verificado en el presente mes los exámenes anuales; muchos *samideanos* ingleses han conseguido después de brillantes ejercicios el *Certificado de Capacidad* (Atesto pri kapableco).—Se han fundado nuevos grupos en Grangemoult Paisley, Stockport, Upton, Hebden Bridge, Great Gransden, Nelson y Wakefield.—En el Real Automóvil Club, el Sr. Bertram Chatterton explica una lección semanal de Esperanto.—En la Exposición Anglo-Francesa que se celebra en Londres hay una sección destinada al Esperanto.

**Alemania.**—El director de *La Revuo*, Sr. C. Bourlet, á su regreso de Dresden escribe lo siguiente: «Regreso de Dresden, adonde he ido, fuí para examinar los preparativos de nuestro próximo Congreso, y vuelvo *entusiasmado*. No cabe duda, y estoy seguro de ello, que si los esperantistas se deciden á ir en gran número para aclamar allí al Dr. Zamenhof y al Esperanto, éste cuarto Congreso será una manifestación que superará por su brillantez y organización todo lo que hemos visto hasta hoy, aún al mismo de Cambridge que fué tan hermoso por todos conceptos »

«Además, este Congreso será el más económico de todos los celebrados hasta hoy. *La Kvaro* proporciona á los congresistas un *biletaro* por 30 marcos (esto es, 37'50 pesetas más el cambio á francos) que da derecho á una habitación confortable (comprendida la luz), al desayuno, durante 6 días y á 6 comidas. En Alemania la comida principal es la del mediodía. Por la noche se cena en cualquier «Bierhalle» por un franco».

En resumen, los gastos del Congreso, sin contar el viaje serán: Billete de congresista, 12'50 fr.—Biletaro, 37'50 fr.—Cenas, 6 fr.—Representación Reicher, 12'50 fr. Total: 68'50 fr.—Cambio (calculado al 15 por 100), 10'28.—Total en pesetas: 78'78.

*Y esto es todo*, porque en este Congreso de Dresden, aparte del billete para asistir á la representación teatral de «Ifigenio en Taŭrido», *todo sera gratuito*: sesiones, baile, representaciones teatrales de aficionados, hasta las excursiones.

En Dresden los tranvías pertenecen al Municipio, y éste ha decidido que durante el Congreso, los congresistas viajarán *gratis en todos los tranvías de la ciudad, bastando para ello presentar la tarjeta de congresista. El Ayuntamiento pagará también los gastos de las excursiones á Meissen y á la Suiza Alemana*, poniendo gratuitamente á disposición del Congreso tres vapores para realizar el delicioso viaje sobre el Elba. ¡Y aún dice el Sr. Bourlet que no dice todo lo que sabe para que haya sorpresas!

Desde el punto de vista oficial nada faltará. La ciudad y el Estado han votado una subvención al Congreso de 5.000 marcos (6.250 pesetas). Habrá recepciones oficiales, el ayuntamiento con la guardia montada acudirá á la estación á recibir al Dr. Zamenhof, los Ministros recibirán á los congresistas. Los treinta Cónsules extranjeros residentes en Dresden, han aceptado el formar parte del Comité de honor y prestarán sus banderas nacionales para adornar el salón de fiestas donde se inaugurará el Congreso.

Durante el Congreso los agentes de policía esperantistas (24) llevarán un brazal especial con la estrella verde.

Creemos que por anticipado se puede felicitar con entusiasmo á la «Kvaro por la Kvaro».

**NOTA IMPORTANTE.—Rogamos á los esperantistas españoles que deseen acudir al Congreso de Dresden, manden inmediatamente un aviso á esta Redacción.**

**De todas partes.**—En Palermo (Italia) se ha fundado «Junula Amikaro Esperantista».—En Nápoles también se ha constituído otra sociedad con el título: «Gefrataro, Sud-Itala Esperantista Federacio».—En Rumania, con la aprobación del Ministro de la Guerra y á instancias del General Demosthen, se ha inaugurado un curso de Esperanto en el Instituto Médico Militar, al que asiste el Coronel Critodorescu, director de dicho Centro.—Otro curso se ha organizado en el Sindicato Comercial de Bucarest.—El Comité Internacional de la Cruz-Roja, en sesión del 1.° de Junio, ha decidido enviar un delegado al Congreso Esperantista de Dresden.—Ha quedado definitivamente constituída la *Societé Française Esperanto-Croix-Rouge*.—Con el título *Okcidenta Esperantista Societo* se ha fundado una de propaganda en México.

# Sciigoj

## EL HISPANUJO

Estas fondita en Madrido *Esperanta Oficejo* ĉe la internacia librejo de Adrián Romo, strato Alcalá, 5, kie la esperantistoj, kiuj alvenos en Madridon, trovos ĉiujn necesajn informojn por interrilatiĝi kun la tieaj samideanoj.

S.roj Ayza de Valencia, Carro de Santiago kaj Calvo de Tarancón, vizitis Madridon kaj estis kore akceptitaj de la tiaj esperantistoj. Ilia ĉeesto multe taŭgos por la propagando en la ĉefurbo. Ankaŭ estis tie S.ro H. W. Yemans milita kuracisto nordamerika, fervora esperantisto. La Generala Konsulo de Unuigitaj Statoj en Madrido S.ro Ricardo M. Bartleman sendis al sia registaro raporton pri la disvastiĝo de Esperanto en Hispanujo.

En kunsido okazinta la 17an de Majo, la Madrida Grupo decidis transloĝiĝi en la straton Echegaray, 17, unua etaĝo, kie estas la redakcio de *La Cultura Española* kaj oni faras tie senpagan kurson de Esperanto, dank' al sindonemeco de la fervora esperantisto S.ro Josefo Menendez, kiu loĝas tie.

## DE ESPAÑA

Ha sido fundada en Madrid la *Esperanta Oficejo* en la librería internacional de Adrián Romo, calle de Alcalá, 5, donde los esperantistas que lleguen á Madrid encontrarán todos los informes necesarios para relacionarse con los *samideanos* de allí.

Los Sres. Ayza de Valencia, Carro de Santiago y Calvo de Tarancón, visitaron Madrid y fueron cordialmente recibidos por todos los esperantistas. Su estancia auxiliará mucho la propaganda en la capital. También estuvo allí el Sr. H. W. Yemans, médico militar norteamericano y fervoroso esperantista. El Cónsul General de los Estados Unidos en Madrid D. Ricardo M. Bartleman, ha enviado á su gobierno un informe sobre la divulgación del Esperanto en España.

En sesión celebrada el 17 de Mayo, el grupo de Madrid decidió trasladarse á la calle de Echegaray, 17, piso primero, donde está la redacción de *La Cultura Española*, donde se da un curso gratuito de Esperanto, gracias á la generosidad del fervoroso esperantista D. José Menéndez, que habita allí.

Ŝia Princina Moŝto Isabel de Borbón, akceptis la 20an de Majo S.ron Codorniu, honora prezidanto de la Hispana Societo por propagandi Esperanton, kiu donacis al ŝi, inter aliaj presaĵoj, la Cefeĉan Ŝlosilaron. La Reĝidino multe sin interesas pri la disvastiĝo de la nova lingvo, ĝuste kompreninte ĝian gravecon por la komerco, la scienco kaj la paco.

Su Alteza Real Doña Isabel de Borbón recibió el 20 de Mayo al Sr. Codorníu, presidente honorario de la Sociedad Española para la propaganda de Esperanto, quien le ofreció, entre otros impresos, la colección de Claves Cefeĉ. La Princesa se interesó mucho por la divulgación de la nueva lengua, comprendiendo justamente su importancia para el comercio, la ciencia y la paz.

S.ro Torres Quevedo, elpensinto de la «telekino» ĉeestis kiel delegito de la Hispana Akademio de Sciencoj ĉe la kunsidoj de Akademiaroj okazinta en Vieno kaj en la raporto de li prezentita al nia Akademio li diras, ke en la kunvenoj ĉiam duono almenaŭ de la ĉeestantoj ne komprenis kion diris la parolanto kaj konkludas ke estas nepre necesa la akcepto de lingvo internacia.

El Sr. Torres Quevedo, inventor del «telekino», asistió como delegado de la Academia Española de Ciencias, á las sesiones del Congreso de Academias celebrado en Viena, y en el informe presentado á nuestra Academia, dice, que en las sesiones siempre la mitad, al menos, de los asistentes no comprendían lo que decía el orador y deduce que es de necesidad indubitable la aceptación de una lengua internacional.

La Grupo Esperantista de Castellón elektis konsulo S.ron José Salvador Ferrer (strato Fola, A.), kiu samtempe estas delegito de la Universala Esperanto Asocio.

El Grupo Esperantista de Castellón ha nombrado cónsul á D. José Salvador Ferrer (calle de Fola, A), quien al mismo tiempo es delegado de la Universala Esperanta Asocio.

En La Laguna (Canarias), oni fondis grupon kun granda nombro da anoj, kies direktanta komitato estas la jena:

En La Laguna (Canarias), se ha fundado un grupo con gran número de socios, cuya Junta Directiva es la siguiente:

Presidente: D. José Rojas Rodríguez.—Vicepresidente: D. José González Rivero. —Secretario: D. Manuel Fernaud y Martín.—Tesorero: D. Carlos A. dos Santos Ferreira.—Bibliotecario: D. Benito F. de la Cruz.—Vocales: D. José Hernández Molina, D. José del Castillo y Arvelo y D. Andrés Díaz Bethencourt.

S.ro E. G. Rivero, nia korespondanto kaj konsulo en Sta. Cruz de Tenerife malfermis kurson kaj, oni esperas, baldaŭ stariĝos en tiu urbo grupo katolika. La tiea ĵurnalo *La Regeneración* daŭrigas favoran propagandon.

El Sr. D. E. G. Rivero, nuestro corresponsal y cónsul en Santa Cruz de Tenerife, ha inaugurado un curso y se espera establecer pronto en dicha ciudad un grupo católico. El periódico de dicha población *La Regeneración*, continúa su favorable propaganda.

Niaj samideanoj de Bilbao faris agrablan ekskurson al La Arboleda, kie estis kore akceptitaj de la kuracisto S.ro Hita kaj ceteraj fervoraj kolegoj. Post la festeno oni toastis esperante kaj espereble baldaŭ ni raportos la fondon de nova grupo en La Arboleda.

Nuestros samideanos de Bilbao hicieron una agradable excursión á La Arboleda, donde fueron cordialmente aceptados por el médito Sr. Hita y demás fervorosos colegas. Después del banquete se brindó en Esperanto y es de esperar que pronto daremos cuenta de la fundación de un nuevo grupo en La Arboleda

La Grupo Esperantista de Cadiz donacas danke al nia entuziasma propagan-

El Grupo Esperantista de Cádiz regala en agradecimiento á nuestro entusiasta

disto S.ro Garzón Ruíz oran medalon. Kore ni gratulas tiun sinjoron pro la meritita donaco. S.ro Garzón estis elektita Delegito en Cádiz de la Universala Esperanto Asocio.

En *Las Provincias* kaj *El Heraldo* de Castellón, oni legis bonajn propagandajn artikolojn.

En kunsido de la 21a de Junio la Grupo Esperantista de Enguera elektis S.ron Manuel Jordá García delegito de la Universala Esperanto Asocio.

Nia estimata kolego S.ro Manuel Albi daŭrigas per la nacia gazetaro sian fruktodonan propagandon en Valdepeñas, kie baldaŭ fondiĝos Grupo.

propagandista Sr. Garzón Ruíz, una medalla de oro. De corazón felicitamos á este señor por tan merecido regalo. El Sr. Garzón ha sido elegido Delegado en Cádiz de la Universala Esperanta Asocio.

En *Las Provincias* y *El Heraldo* de Castellón, hemos leído breves artículos de propaganda.

En sesión del 21 de Junio el Grupo Esperantista de Enguera elegió á D. Manuel Jordá García, delegado de la Universala Esperanta Asocio.

Nuestro estimado colega D. Manuel Albi continua en la prensa nacional su fructífera propaganda en Valdepeñas, donde pronto se fundará un Grupo.

# Bibliografio

*Muziko: La Vagabondino*, versoj de C. Oxendorf, muziko de Celia Burleigh; unua eldonaĵo de la Esperantista Vagabonda Klubo; prezo, 60 centimoj afrankite. Aĉetebla ĉe: 16, Westbourne Gardens, Hove, Sussex. England.—*Mi aŭdas vin* (C' est votre voix), poezio de Leono Zamenhof, muziko de F. de Ménil; prezo, 1 franko, ĉe Hachette kaj K.o—*Kuŝas Somero,* poezio de E. de Kanalosŝi-Lefler, muziko de F. de Ménil; prezo, 1 franko, ĉe Hachette kaj K.o, 79, boulevard Saint Germain, Paris.

Ĵus aperis bela prospekto de la firmo Seidel kaj Naumann en Dresden pri la skribmaŝimo «Ideal». Oni povas ricevi senpage la belan katalogon esperante verkitan, se oni sendas respondkuponon al la firmo Seidel kaj Naumann en Dresden.

*La Vangfrapo,* unuakta komedio de Abraham Dreyfus, kun la permeso de la aŭtoro tradukis el la franca lingvo Ŝ. Sar. Prezo: 0'75 fr.—Aĉetebla ĉe la tradukinto, 127, bls, Fanbourg Bannier, *Orleans.* Francia, kaj ĉe la Librairie de l' Esperanto, 15, rue Montmartre, Paris.

*Frazlibro por Esperantistoj en Kopenhago;* reklambroŝuro eldonita de la famaj bierfarejoj de Karlsberg en Kopenhago; dane kaj esperante ĝi enhavas la plej oftajn frazojn de la ĉiutagaj bezonoj.

*Grand Dictionnaire Français-Esperanto.*—Ni ricevis la okan kajeron de tiu tre utila kaj plenega vortaro; ĝi atingas la vorton *bibliographique.* Aĉetebla ĉe la *Presa Esperantista Societo*, 33, rue Lacepede. Paris. Prezo: 30 frankoj, pageblaj en ses monatoj.

*Esperantaj perleroj*, el «Lingvo Internacia»; unua, dua kaj tria serio enhavantaj aforismojn, proverbojn kaj poeziojn, kiuj aperis en la plej malnovaj numeroj de tiu konata gazeto. Prezo de ĉiu serio: 30 centimoj. Aĉeteblaj ĉe la *Preso Esperantista Societo.*

*Plej gravaj ĉefverkoj de la Eŭropaj Muzeoj.*—Albumo da dek poŝtkartoj kun kromfolioj. Unua serio. Prezo: 1 franko. Aĉetebla ĉe la *Presa Esperantista Societo*, kaj Librairie de l' Esperanto.

*Konsuloj kaj Esperanto-Oficejoj*, informoj pri la kreo kaj elekto de la konsuloj, organizo kaj servoj de la konsuloj kaj Esperanto-Oficejoj, laŭ la decidoj de la kunvenoj de la konsuloj kaj delegitoj de Esperanto-Oficejoj dum la III.ª Universala Kongreso de Esperanto. Aĉetebla ĉe: *Esperanto*, 8, rue Bovy-Lysberg, Genéve, Suiza.

*Malnovaj paĝoj el Lingvo Internacia*, unua serio. Ĝi enhavas la paĝojn beletristikajn plej interesajn kaj plej bone skribitajn de la unua jaro de *Lingvo Internacia* (1896).—Prezo: 1,25 frankoj; ĉe Presa Esperantista Societo.

*Formulo pri malarmo precipe rilate al la Brita propono pri malarmo*, de Otto Umfrid, el germana lingvo tradukis P. Christaller; prezo 25 centimoj. Ĝi estas la numero 13.ª el la *Libraro Pacifirma* eldonata de la societo «Pacifisto».—Ĉe Presa Esperantista Societo.

*Ali Baba kaj la kvardek rabistoj*, el la «Mil kaj unu noktoj» tradukita de Major-General George Cox.—Prezo nemontrita.—Brutish Esperanto Association, 13, Arundel Street, Strand, *London*.

*Evolucio libera aŭ Akademio*, de A. Michaux.—Prezo nemontrita. Havebla ĉe la Librairie de l' Esperanto.—Paris.

*Esperantista Societaro* (konsulejoj, societoj kaj gazetoj); el la Esperantista Dokumentaro eldonita de Centra Esperantista Oficejo. Kvara eldono korektita ĝis la 31.ª de Decembro 1907.—Centra Esperantisia Oficejo, 51, rue de Chichy, Paris.

*L' Esperanto et les institutions publiques*, recueil de documents authentiques concernant la diffusión de la langue auxiliaire internationale Esperanto.—Premiére partie: documents en langue française.—Prix: 1'25 fr.—Esperantista Centra Oficejo, 51, rue de Clichy. Paris.

D. Francisco Baixauli, distinguido y entusiasta correligionario, ha fundado una *Escuela Internacional de Esperanto* con domicilio en Valencia (Guillem de Castro, 46 y 48), cuyo objeto es facilitar los medios de enseñanza y divulgación del idioma internacional en España y países hispano-americanos, empleando el método de *enseñanza por correspondencia*. Hemos leído atentamente los folletos que sucesivamente se envían como texto á los alumnos y tenemos el convencimiento que en muy poco tiempo podrán proporcionar al discípulo un exacto conocimiento teórico y práctico del idioma. Pídanse informes y reglamentos por tarjeta postal á D. Francisco Baixauli, Guillem de Castro, 46 y 48, Valencia.

*Gramática del idioma internacional Esperanto*, por José Garzón Ruíz, abogado, cónsul esperantista en San Fernando, Cádiz.—Casa editorial Sopena, Provenza, 95, Barcelona.—Precio: 2 pesetas.

El mejor elogio que pudiéramos hacer de esta obra, está expresado en las siguientes líneas que traducimos de la revista internacional *La Revuo*: «He aquí un nuevo Manual escrito en lengua castellana, que viene á enriquecer la colección española de obras esperantistas. El autor, Sr. Garzón Ruíz, siguiendo el método de la Academia Española, se propone la instrucción simultánea de la lengua castellana y del esperan-

to. Creemos que consigue su objetivo. Notable gramático—quizás algunas veces demasiado profundo y abstracto—y notable esperantista, el Sr. Garzón Ruíz analiza todas las partes de la proposición estableciendo comparaciones entre ambas lenguas—la nacional y la auxiliar. No podemos juzgar el método académico usado por el autor, que complacerá ciertamente al espíritu español y especialmente al sudamericano y que, en consecuencia, arrastrará á nuestro círculo un gran núcleo de nuevos correligionarios; pero este mismo hecho obliga á felicitar al autor y á la casa editorial que, incluyendo en su colección lingüística la obra del Sr. Garzón, coadyuva á la propaganda de nuestra lengua.»

Con el título *¿Quiere V. hablar Esperanto?*, el Sr. Garzón Ruíz ha escrito un Manual práctico de conversación, publicado también por la casa Sopena y que se vende al precio de 50 céntimos.

*El idioma internacional auxiliar Esperanto al alcance de todos*, vulgarización de gramática esperanto-española, por Fernando Soler Valls, oficial de Telégrafos, presidente del «Grupo Esperantista de Enguera», con prólogo de D. Román Ayza Maquén.—Precio: 1'50 pesetas. (Véase la sección de anuncios de esta revista).

Cuando el estudio del Esperanto sea obligatorio en nuestros centros de 1.ª enseñanza, la obra de texto indiscutible será la publicada recientemente por nuestro querido amigo D. Fernando Soler. ¿Quiere esto decir que ella no sea de utilidad para los adultos? De ningún modo. Si el conocimiento de la Gramática general sirviera para distinguir los adultos de los niños, en España no habría más que niños, con muy contadas excepciones. Ese desvío inexplicable, endémico en nuestra nación, hacia las leyes que rigen nuestra lengua, le presta una utilidad inmensa á la obra de vulgarización del Sr. Soler Valls, quien queriendo escribir un libro para contado número de españoles, lo ha escrito para todos. El éxito comprobará cuanto decimos.

*Internacia Socia Revuo* sciigas al la Esperantistaro sian baldaŭan aliformiĝon. La venontan Julion ĝi iĝos duonmonata kaj ĝia abonprezo estos: jare, 3'50 frj.; duonjare, 2 frj.; unu numero 0'15 fr.—Ĉion, kio rilatas al la revuo oni sendu al R. Louis, 45, rue de Saintonge.—Paris (France).

Ĵus aperis 6 poŝtkartoj ilustritaj de: L. Rodo; Grandjouan; Malteste; Willaume; Bern-Klene; Hermann-Paul.—Prezo de la kolekto (afrankite) 0'50 fr. ĉe la asocio «Paco-Libereco», 45, rue de Saintonge.—Paris (France).

*Tra la Mondo.* Tutmonda Multilustrata Esperanta Gazeto.

La esperantistoj havas la kompreneblan deziron esti ĝuste informataj pri la meritoj de la nuresperantaj gazetoj eldonataj por helpi al la disvolviĝo kaj disvastiĝo de Esperanto, kaj por liveri al la legantoj ŝatindajn literaturajn verkojn, kiujn ili ne ĝuus sen la diritaj gazetoj, konigante ankaŭ talentojn, kiuj restus kaŝataj sen tiuj efikaj diskonigiloj.

*Tra la Mondo* tute plenumis tiun rolon de Esperanta gazeto dum la 3 jaroj pasintaj de ĝia naskiĝo, dum kiu ĝi rimarkigis sin per reguleco kaj akurateco egalaj al ĝiaj varieco, internacieco kaj intereso.

*Ĉiuj temoj* estas pritraktitaj de specialistoj: Oni trovas en ĝi, ja la jenajn ĉefajn rubrikojn:

Nuntempaĵoj.—Diversaĵoj.—Artista kaj Literatura Vivado.—Diversaj Sciencoj.—Komerco kaj Industrio.—Militistaĵoj kaj Maristaĵoj.—Teatra Fako.—Muziko.—Sportoj kaj Turismo.—Paĝoj por virinoj (Modo), gejunuloj kaj infanoj.—Ludoj kaj konkursoj kun premioj.

La rubriko *Tutmonda Literaturo* estas speciale grava ĉar en ĝi aperis verkoj el la plej diversaj lingvoj. *Tra la Mondo*, la unua, enhavis artikolojn el la literaturoj hinda,

islanda, japana, brazila, armenia, alĝeria, irlanda, aŭstralia, nov-zelanda, por citi nur la malpli konatajn.

El la eŭropaj literaturoj ĝi enhavis artikolojn pri, aŭ de, la plej famaj verkistoj:

Sienkiewicz (Pol.); Daniel Lesuevr, de Heredia, Mistral (Fr.); Berta von Suttner, Rosegger (Germ.); Rudyard Kipling (Angl.); Alfred de Musset (Fr.); Björnstjerne Björnson (Norv.); Schiller (Germ.); Shakespeare, Sterne (Angl.); Cervantes (Hisp.); Mathias Jochumsson (Isl.); Leo Tolstoj (Rus.); Kocian (Boh.); Bela Toth (Hung.); Giosué Carducci kaj de Amicis (It.); Hendrik Ibsen (Norv.); F. Florès Garcia (Hisp.); Aragonjan (Armenio); Amfiteatrev (Rus.); Edmond Bieder (Pol.); Dr. R. Kronbauer (Boh.); Goethe (Germ.); Coelho Netto (Brazil.); k. multaj aliaj.

Oni povas prave diri, ke *Tra la Mondo*, *estas vera Antologio de la Tutmonda Literaturo.*

Ĝi kunigis kunlaborantaron senegalan pro la internacieco kaj la esperantista klereco, kaj povas ĝoji, ĉar ĝi konigis multajn talentojn ĉiulande kaŝatajn, dum, aliparte, ĝi kalkulas en sia kunlaborantaro multajn anojn de la *Lingva Komitato* kaj de la *Internacia Scienca Oficejo.*

*Ĉiuj landoj* estas priskribitaj de Samlandanoj. Jam aperis en *Tra la Mondo* artikoloj pri pli ol 40 diversaj landoj, en kiuj la moroj, kuriozaj kutimoj, arto, hejma vivado, edziĝaj karakterizaĵoj, plej gravaj nuntempaĵoj, k. c., estas priskribitaj de kompetentuloj... inter kiuj

GRANDA ENKETO PRI EDUKADO

en kiu partoprenis 17 landoj el ĉiuj kontinentoj, altiris la atenton de la neesperantista gazetaro.

*Multaj Ilustraĵoj*, speciale dediĉitaj por la gazeto, pligrandigas la intereson de la artikoloj: ĉirkaŭ 600 ilustraĵoj aperis en la 3 unuaj jaroj, inter kiuj kuriozaj bildoj pri la ĉiulanda propagagando, memoraĵoj pri la kongresoj, k. a.

Konfi le, kaj kun la estimo de ĉiuj siaj kunfratoj, *Tra la mondo* proponas sin al tiuj, kiuj ne ankoraŭ ĝin abonis.

---

# ANONCOJ

*Prozo kaj versoj*, el mejor libro de lectura para los cursos organizados por los grupos esperantistas.—Precio, 2 pesetas.

---

## Peto al ĉiuj Esperantistoj

Jam longe mi okupiĝas per la kolektado de dokumentoj pri la evolucio de la helplingva demando. Mi deziras verki pri tio ĉi esperantan verkon priparolante la demandon bibliografie kaj filologie. Plie, mi ankoraŭ bezonas havi kelke da mankantaj verkoj. Vidante la malfacilecon, kiu malhelpas al mi la akiron de la bezonata materialo, mi treege petas mian helpeman samideanaron por afabla helpo sekvanta.

1. Por donaco de ĉiuj verkoj, libroj, broŝuroj, revuoj, artikoloj (eltranĉitaj el ĵurnaloj), kiuj rilatas aŭ speciale aŭ ĝenerale al la helplingva demando aŭ al pasigrafio.
2. Por serĉado en ĉiuj librovendejoj kaj por afabla sciigo de la titoloj, aŭtoroj, prezoj de la trovitaj verkoj (oni serĉu en katalogoj sub volapuk, ĝenerala filologio kaj «Varia» titolo) ke mi povu ilin aĉeti ĉe la montrita firmo.
3. Por donado de adresoj de ankoraŭ vivantaj malnovaj volapukistoj kaj kosmoglotistoj.

Mi petegas miajn altestimatajn samideanojn min sciigi pri ĉiu verko, kiu estas vendebla aŭ interŝanĝebla kaj rimarku ĉion eĉ la plej malgrandan folieton.

Mi tiel esperas ricevi novan forton kaj materialon, por kio mi sendas al ĉiu helponto mian plej koregan antaŭdankon.

A. DE MARICH.
*Ulloi-ut, 59.—Budapesth (Hungría).*

Ni sendis al S.ro A. de Marich kelkajn mankantajn numerojn al lia kolekto de LA SUNO HISPANA. Tamen, ĉar ankaŭ mankas ilin al ni, ni ne povis sendi la numerojn 1, 13, 14 kaj 21. Ni anoncas al niaj legantoj, ke S.ro Marich volonte aĉetus ilin.

---

*D. H. Lambert*, Profesoro de angla, franca, itala, hispana kaj esperanta lingvoj povas akcepti du aŭ tri fremdajn studentojn el kiu ajn lando por instrui aŭ perfektigi en angla kaj aliaj lingvoj. Adreso, 160, Breckenham Road, Penge, London, S. E. (Inglaterra).

---

*Hermann Wuttke*, dektrijara infano, deziras korespondi per ilustritaj poŝtkartoj. Adreso: Pionierstrasse, 21, Magdeburg (Alemania).

---

*S.ro Laureuce Klassen*, North Amherst, Ohio, U. S. A. deziras interŝanĝi poŝtkartojn ilustritajn kun alilandaj geesperantistoj. Tuj ĉiam respondos.

---

*S.ro Jakobo Baumann*, Supernumerar, *Strassburg* im Elsass (Ruprechtsaner Tor 2) Germanujo, deziras interŝanĝi ilustritajn poŝtkartojn kaj leterojn kun ĉiulandaj geesperantistoj.

---

*S.ro Carlos Charrier* (Cerrito, 84, b, Montevideo, Uruguay) deziras interŝanĝi poŝtkartojn kun tutmondaj gesamideanoj.

---

*¡¡Todo el mundo puede ya aprender el Esperanto!!* por medio de la obra que acaba de publicarse titulada

## EL IDIOMA INTERNACIONAL AUXILIAR ESPERANTO

## AL ALCANCE DE TODOS

POR

**Fernando Soler Valls**

*Oficial de Telégrafos, Presidente del Grupo Esperantista de Enguera*

140 páginas de texto.—Precio: 150 pesetas.
De venta en las principales librerías y en casa del autor, *Enguera* (Valencia).

---

*Alvoko al ĉiulandaj Esperantistaj Medicinistoj.*—S.ro P. Corret, sekretario de la redakcio de *Lingvo Internacia*, verkas nun tezon, por medicina doktoriĝo, pri tiu ĉi temo: *Utileco kaj ebleco de la alpreno de helpa lingvo internacia en medicinon* (internaciaj medicinaj kongresoj, ruĝa-kruco, bibliografiaj serĉadoj por medicinaj verkoj, k. t. p.). Oni facile komprenos, kiom grava estos tiu verko por nia propagando en medicinaj rondoj kaj kian grandan influon ĝi povos havi, estante oficiale akcep-

tita de la Pariza Fakultato de Medicino. La verkanto petas do ĉiulandajn esperantistajn medicinistojn, ke ili bonvolu helpi al li, alsendante ĉiaspecajn informojn kaj sciigojn pri la suprecitita temo ekzemplojn de malhelpo aŭ malkompreniĝo en internaciaj medicinaj kongresoj, pro lingva diverseco; medicinaj aŭ nemedicinaj kongresoj, akceptintaj principe Esperanton, aŭ en kiuj estis efektive prezentitaj esperantaj komunikaĵoj; neebleco aŭ malfacileco de bibliografiaj serĉadoj en fremdlingvaj verkoj; medicinaj aŭ nemedicinaj verkoj jam enhavantaj resumon aŭ analizon en Esperanto; konsiloj pri novaj ĉapitroj en la verko, krom la jam cititaj, k. t. p. Ju pli diversdevenaj estos la informoj, des pli valora fariĝos la verko mem, ĉar la aŭtoro, citante sur ĉiu paĝo la nomon kaj naciecon de siaj helpintoj, de kiuj li ricevis informojn por Esperanto, plej klare montros per tiu ĉi fakto, ke jam nun nia lingvo povas esti tre utila en verkado pri kia ajn temo, por facile ricevi dokumentojn el ĉiuj plej diversaj landoj. Oni sendu ĉiujn informojn al la privata adreso de la verkanto: *S.ro P. Corret, 12, rue de Vergennes. Versailles (S.-et-O.), Francujo.* Korajn antaŭdankojn por la afabla sendo!

---

*Aviso al la Katolikaj Esperantistoj pri la Dresdena Kongreso.*—La Komitato Katolika dum la Dresdena Kongreso estas jam starigita. Jen la nomoj de la komitatanoj:

Prezidanto: La Respektinda kanoniko Pichot, Prezidanto de la «Institut de la Paix» Monako (Princlando).

Sekretario: Abato Austin Richardson, profesoro en la «Institut S.t Louis» Bruselo.

Direktoro por la Diservoj dum la kongreso: Pastro Frohn, parokestro de Warstade (Hanovro) (Germanujo).

Sekretario de la S. K, I.: Abato Derroite, Parizo.

Sekretario de la P. E. F.: Abato Richardson.

La religia diservo, meso kun prediko en esperanto de l'Abato Pichot, tre volonte permesataj de la Dresdena episkopo, okazos la 16n aŭgusto kredindeble en la nova preĝejo de SS. Koro de Jesuo str. Porsberg, je la duono de la 12a, aŭ en la preĝejo de S. Josefo, granda str. de Plauen, je la duona de la 10a.

La Katolikaj esperantistoj estos avisataj pli malfrue per alia aviso aŭ per la lokaj gazetoj. La preĝejo ne povis ĝis nun esti elektata pro la taŭgeco de la horo. Oni volas eviti la koincidon de la diversaj diservoj.

La Komitato.

---



Tipografia Moderna, á cargo de Miguel Gimeno, Avellanas, 11—Valencia.




# POŜTKARTO

*Sinjoro* ***Jules Borel***
*Firmo: Esperanto Verlag Möller & Borel*

*Germanujo*

***BERLIN S.42***
*Prinzenstrasse 95.*

# *Mendilo.*

*Mi, subskribinto*

*(nomo)*..................................................................

*(adreso)*..................................................................

*luprenas por la teatraĵo prezentota en la Dresden'a kongreso de Sinjoro Emanuel Reicher*

.......... *lokojn po 20 markoj.*

*Samtempe mi sendas la monsumon de* .................. *markoj kaj atendas la kvitancon, por kiu oni ricevos interŝanĝe en Dresden la definitivajn biletojn.*

..................................................................

*Subskribo.*

# 4ª Internacia Esperantista Kongreso

**(Dresden, 16—22ª de Aŭg. 08).**

## Prezentado de „Ifigenio en Taŭrido“,

dramo de Goethe, traduko de L. L. Zamenhof.

### Tre estimata Samideano!



a aranĝoj, kiuj en niaj kongresoj plej efike kaj grandioze pruvis la mirindan paroleblecon kaj kompreneblecon de nia lingvo, kiuj plej bone konvinkis ĉiujn dubantojn, kaj kiuj estis priparolataj kiel mirindaĵo eĉ de multaj nefavoraj gazetoj, sendube estis la **teatraj prezentadoj.** Jam trifoje montriĝis, ke plej diversnaciaj aktoroj, studinte hejme sian rolon kaj preskaŭ sen provoj, kun surprizanta precizeco kaj facileco interparolas kaj interkomprenas sur la scenejo, kaj same facile kaj senpere estas komprenataj de la plej diversnaciaj aŭskultantoj. Trifoje la entuziasma ĝojo pri la sukceso de la grava eksperimento ripetiĝis.

Ĉu ne estus grandega gajno por nia afero, se ni povus havi, kiel en la naciaj lingvoj, ankaŭ en nia internacia lingvo perfektajn prezentadojn, faratajn de famaj aktoroj?

Unue tia perfekta prezentado de metiaj aktoroj estus bonega allogilo al la kongreso por la ĉiulandaj samideanoj. Ĉar por la progresado nepre estas necese, ke unu kongreso superu la alian, ke ĉiu kongreso montru novajn pliperfektajn uzojn de nia lingvo, ke la programo de la kongresoj ĉiujare pliriĉiĝu, ke eĉ por la partoprenintoj de ĉiuj antaŭaj kongresoj ĉiu nova kongreso prezentu novajn gravajn okazaĵojn.



Emanuel Reicher.

Aliflanke teatraj prezentadoj farataj, ne diletante de kelkaj samideanoj nur pro la bela entuziasmo por nia afero, sed kun profesia perfekteco de lertaj kaj konataj aktoroj havus grandegan propagandan forton. La neesperantista publiko kaj la ĉiutaga gazetaro estus devigataj, ne plu paroli pri esperantaj prezentadoj kiel pri infanaj ludaĵoj, kiel pri strangega, malsaĝa kaj senvalora ideo de la Esperantistoj. La montrita plano ekscitus almenaŭ la intereson eĉ de la plej forte dubantoj, kaj sukcesplena efektiviĝo konvinkus grandegan parton da ili kaj alkondukus al nia ideo amason da novaj adeptoj.



Precipe en Germanujo, la lando de la venonta kvara kongreso, ne estas imagebla pli bona propagandilo por nia lingvo. Kian bruon ekscitus la fakto, ke iu literatura ĉefverko, estos ludata de bonega aktoraro, gvidata de famekonata aktoro, en la ĝis nun malmulte ŝatata kaj ofte mokata lingvo Esperanto! La konverto de multaj miloj estus certa!

Ni estas feliĉaj povante sciigi al vi, ke Sro **Emanuel Reicher,** ĉe la Lessingteatro de Berlin, unu el la plej konataj germanaj aktoroj, estas preta subteni nian planon kaj prepari kun bonega metia aktoraro unuagrade artistan prezentadon de **esperanta teatraĵo por la kvara kongreso en Dresden.** Kiel ludotan dramon Sro Reicher proponis la eminentan verkon de Goethe:

**Ifigenio en Taŭrido.**

Tiu ĉi bone konata mitologia materio, jam traktita de la granda greka tragedisto, Eŭripides, trovis sian plej altan poezian kaj psikologian esprimon en la dramo de Goethe. Nia Majstro, **Sro Dro Zamenhof,** tutkore konsentis, kaj afable plenumante nian peton, li mem faras la tradukon. De ĉiuj idealaj kondiĉoj por la bona sukceso de la plano ŝajnas plenumitaj. Unu el la ĉefverkoj de la germana literaturo, en bonega traduko de nia Majstro, prezentata en plej perfekta kaj artista maniero.



Emanuel Reicher
kiel John Gabriel Borkman (de Henrik Ibsen).

Sed S^ro^ Reicher, montrante al ni sian pretecon kaj oferemam volontecon, atentigis nin, ke sufiĉe altaj kostoj por la entrepreno estas tute ne eviteblaj.

Tamen ni ne volis forlasi nian planon, tiel gravan por la sukceso kaj la definitiva venko de nia lingvo precipe en Germanujo. Ĉar se efektiviĝos kaj bone sukcesos la prezentado en Dresden, S^ro^ Reicher intencas fari rondvojaĝon kun sia aktoraro kaj ripeti la prezentadon en diversaj urboj. Tiamaniere ĉie estus farata propagando en grandioza maniero, ĝis nun ne konata!

Laŭ la dirito estas tute neeble, senpage prezenti al la kongresanoj la teatraĵon; ni kredas, ke la samideanoj volonte faros monoferon. Ĉar unue ili mem havos grandan kaj solenan ĝuon per la prezentado; kaj due ne nur traktas pri ilia propra ĝuo, sed precipe pri tre grava kaj sukcespromesa propagando por nia afero.

Ni do konsentis kun la Centra Oficejo kaj la Kvaro por la Kvara pri jena aranĝo: Por antaŭe garantii la entreprenon kaj ebligi la preparojn estas necese, ke ni vendu kiel eble plej baldaŭ **600 biletojn po 20 markoj.**

Ni estas certaj, tre estimata Samideano, ke vi estas preta, mem fari tiun oferon al nia afero aĉetante kelkajn biletojn kaj ke vi volonte varbos aliajn oferemajn samideanojn, en via urbo kaj lando. Ni do petas vin, diskonigi nian planon inter personoj, kiuj laŭ via opinio, volonte luprenos unu aŭ kelkajn lokojn.

Nun ni petas ĉiujn, kiuj volas helpi en la dirita maniero, sciigi al ni sian pretecon kiel eble plej baldaŭ kaj mendi biletojn per la aldonita poŝtkarto kaj sendi la monon — 20 markoj = 10 spesmiloj po loko — al S^ro^ **Jules Borel, Berlin, Prinzenstr. 95.** Tuj vi ricevos la kvitancojn, kiuj valoras kiel provizoraj biletoj, kontraŭ kiuj oni povos interŝanĝi en Dresden la definitivajn biletojn. Mendojn sen mono ni ne povas plenumi. Precipe ni atentigas pri tio, ke la unuaj mendantoj ricevos la plej bonajn lokojn. Estas do tre rekomendinde, tuj sendi la mendojn kaj la monon.

Kompreneble ankaŭ tiuj, kiuj pro iaj motivoj ne povos viziti la kongreson, sed deziras helpi al ĝia sukceso, volonte luprenos lokojn por eble donace doni ilin al aliaj Esperantistoj.

Ankoraŭ unufoje ni petas vin, estimata Sinjoro kaj Samideano, ke vi bonvolu konsideri la gravecon de la entrepreno, la mirindan akcelon, kiun povas akiri per ĝi la disvastiĝo de Esperanto, precipe en la dubema Germanujo, kie la kontraŭuloj ne silentas ĝis nun. Tiam vi ne rifuzos vian helpon al nova kaj efika riĉigo de niaj kongresoj.

Atendante vian plej baldaŭan afablan respondon, ni petas vin akcepti la esprimon de nia samideana sindoneco kaj de nia alta respekto.

Berlin, en Marto 1908.

**D^ro^ Mybs, D^ro^ Schramm, M. Hankel, D^ro^ Arnhold**
(Kvaro por la Kvara.)

**Prof. C. Bourlet, Generalo Sebert, Pastro F. Schneeberger,**
**Jules Borel, D^ro^ Liesche.**

*La entreprenon, pri kiu parolas ĉi tiu letero, mi trovas tre bona kaj tre utila por la propagando de Esperanto, kaj al ĉiuj niaj amikoj mi plej varme rekomendas, doni al la entrepreno sian helpon.* *L. L. ZAMENHOF.*